HAMBURG Esperanto

5/1991

Decembro/Januaro

Bulteno de Hamburga Esperanto-Societo r. a.



La ĉefa sinagogo de Hamburg, detruita en 1938. foto: arĥivo

# La 9a de Novembro

Tiu tago estas historia dato en Germanio. Antaŭ du jaroj malfermiĝis la muro inter la du Germanaj ŝtatoj. Tamen la dato antaŭ 53 jaroj havis alian signifon: la 9an de Novembro 1938 okazis pogroma nokto kontraŭ la Judoj en Germanio. Nazioj bruligis la sinagogojn kaj detruis vendejojn kaj loĝejojn.

Jam en Januaro 1933 la Hamburga senato toleris Nazian flagon sur la policejo apud la Juda kvartalo kaj en Aprilo la senato decidis, forigi la monumenton de Heinrich Heine el la urbocentro, ĉar li estis Judo.

*Daŭrigo sur paĝo 3*

# El la redakcio

## Enhavo



## Editoraĵoj

**Eldonanto:** *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
*Klaus-Groth-Straße 95, W-2000 Hamburg 26*
*✆ (040) 2 50 30 65*
*Poŝtĝiro Hamburg (BLZ 200 100 20) Kto. 173 22 - 207*
**Ĉefredaktoro:** *Benno Klehr, Oelkersallee 31, W-2000 Hamburg 50 ✆ (040) 43 51 97*
**Grafika Aranĝo:** *Gerd Tigges, Hamburg 80*
**Produktado de originaloj:** *TIGGYSOFT*
*Brookdeich 13, 2050 Hamburg 80 ✆ (040) 7 21 20 05*

**Redaktofino de n-ro 1/1992: 11-01-92**

## Sentenco

Ĉiuj homoj
estas samaj -
nur kelkaj iom pli!

## Ni aúdis...

Oni aúdas - ne en Hamburg, sed ekstere - ke forkuras niaj membroj el la klubo pro la ĉeesto de du membroj de Scientology-Church. Jam estus pli ol dek eksmembriĝoj - oni aúdas.
La prezidanto nur scias pri tri, el kiuj du estis pasivaj membroj, kiuj eĉ ne parolas Esperanton.

***Bonvolu legi ankaú paĝon 5***

## Hamburg - Hammaburg

### Kion signifas la nomo?

Nomoj de aliaj urboj ne kaúzas tiom da supozoj: ***München*** simple signifas ***monaĥoj*** kaj ***Stuttgart*** estas ***ĉevalinĝardeno.*** Ankaú la vorto ***Burg*** estas tute klara: Ĝi signifas ***urbo*** aú simple ***fortikaĵo.*** Sed kio estas ***Ham*** aú ***Hama***? En Skandinavio ***Hamar*** signifas ***roko*** – sed rokon oni ne trovas, sed nur gruzon. Ĉu **Ham** estas nomo de Slava dio? Tion malebligas la tute ne Slava vorto ***Burg.*** Ĉu estas la vorto ***Havn*** (haveno)? Certe ne! La haveno ekfunkciis multe pli poste. Restas la malnova vorto ***Ham*** kiu signifas ***arbaro.*** Fakte Hamburg en mezepoko estis inter arbaroj.

## Ĉu vi sciis... ke germanio por Zamenhof ne estis Eúropa lando?

***Bonvolu legi klarigon sur paĝo 5***

# La 9a de Novembro

*Daŭrigo de paĝo 1*

Antaŭe la monumento plurfoje estis ŝmirita per farbo kaj kontraŭ-Judaj sloganoj. Judaj junularaj organizoj klopodis, nokte gardi *sian* monumenton, sed la polico malpermesis tion. Krom la monumento en la urbocentro (en Barkhof), oni ankaŭ forigis la monumenton de Heine el la urba parko kaj fandis ĝin. La monumento el Barkhof (dekstra foto) travivis la Nazian tempon kaj hodiaŭ staras en la franca urbo Toulon. 50 jarojn post la pogromoj en 1938 la senato de Hamburg starigis novan Heine-monumenton - similan al tiu el la parko - antaŭ la urbodomo (maldrekstra foto). Ankaŭ la loko, kie staris la granda sinagogo, ricevis novan pavimon en diversaj koloroj, laŭ la muroj de la sinagogo, kaj la nomon Joseph-Carlebach-Platz, laŭ la ĉefa rabeno, kiu la 6an de Decembro 1941 estis deportita kaj murdita en 1942.

Post la milito oni nomis straton *Carlebachstraße* en Altona, iom kaŝita, proksime al la fama *Reeperbahn.* Ankaŭ iom kaŝe oni profitis post la milito je la detruita Juda kvartalo: La liberan spacon oni uzis por pligrandigi la universitatan kampon. Kelkaj stratoj malaperis pro novaj universitataj konstruaĵoj. Ĉu eble en la 60aj jaroj oni preferis "pro teknikaj kaŭzoj" ŝanĝi la tutan kvartalon, forigante la stratojn, kie vivis la Judoj? Nun ne plu vivas multaj Judoj en Hamburg, kaj malmultaj memoraĵoj restis.

La 8an de Novembro ĉi-jare okazis granda demonstracio en Hamburg por montri solidarecon kun homoj de aliaj popoloj kaj kulturoj. Bedaŭrinde dum la pasinta tempo en kelkaj urboj Germanoj atakis eksterlandanojn, kiuj devis fuĝi el siaj hejmaj landoj kaj nun volas vivi en Germanio. Ne estas multaj homoj kiuj minacas la eksterlandanojn. Ne estas nova Naziismo. Tamen multaj eksterlandanoj timas persekutadon. La demonstraciintoj avertis, tro malgrande taksi la problemon. Oni kontraŭstaru ĉian malamikecon kontraŭ eksterlandanoj.

Nur pro la silentado de la popolo la establiĝo de la Nazia reĝimo estis ebla en 1933: La malforta demokratio cedis anstataŭ defendi sin de la komenco. Ni ĉiam memoru pri tio: **Tiu, kiu silentas, fariĝas mem kulpa!**

*Benno Klehr*

fotoj: Landa Centro por Politika Klerigo Hamburg







# Paroliga Ronda funkcias

Ĉar lingvo nur estas lernebla per parolado, ni ekzercas periode la uzadon de Esperanto. Nia grupo nuntempe konsistas el kvin regulaj gepartoprenantoj kaj, kiam antaŭ nelonge du gegastoj el la studrondo venis al ni, ni estis eĉ sep.
Freŝuloj estas kore bonvenaj - bazaj konoj sufiĉas. Ni renkontiĝas marde (escepte de dua mardo ĉiumonate) je la 18:30 h en la klubejo.
Samtempe Elena Blasius gvidas kurson por komencantoj ekde la 19-a de Novembro.
Interesatoj rajtas simple aperi aŭ informiĝi antaŭe telefone je numero 040/587182.

*Irmgard Karst/Bodo Schneider*

# Novaĵoj el GEA

La 2an de Novembro 1991 okazis kunveno de la Federacia Konsilantaro de GEA (Verbandsrat) en Bernburg (inter Magdeburg kaj Halle). Oni decidis, dum la venonta kongreso plialtigi la membrokotizojn de 40,- DM kaj 20,- DM al 60,- kaj 30,- respektive. La altigoj validu ekde Januaro 1992 por la malnovaj federaciaj landoj kaj ekde Januaro 1993 por la novaj landoj. El tiuj kotizoj la landaj asocioj ricevos po 20 %. GEA ankaŭ subvencios seminariojn kaj aliajn aranĝojn.

Aperis la aliĝiloj por la G. E. K. 1992, kiu okazos pentekoste en Schwerin.

*Benno Klehr*

# Ĉu kantino aŭ restoracio?

Laŭ la oficiala Germana lingvo-uzo ni havas en nia klubejo kantinon, kie ni rajtas vendi trinkaĵojn kaj manĝaĵojn. Dum la pasintaj jaroj ni ofertis simplajn manĝaĵojn, ofte el skatoloj. Ekde kelkaj monatoj, la nivelo estas pli alta: Ni havas salatojn, freŝajn legomojn, manĝaĵon por vegetaranoj, belajn garnaĵojn kaj ĉiam ankaŭ ofertas deserton. Specialaĵoj de kafo aŭ ĉokolado kompletigas la novan aspekton de nia (preskaŭ) restoracio.
Tamen la prezoj ankoraŭ estas moderaj. Tuta menuo kun trinkaĵo kostas eĉ ne 10,- DM. Malsataj gastoj ĉiam estas bonvenaj!

*Benno Klehr*



**Gerd Tigges fritas celeriojn. Li kulpas pri ĉio.**
foto: Hella Lanka

# Diversaj temoj

# Scientology - kaj ne estas fino

Dum membrokunveno, la 26an de Septembro, ni traktis la temon *Esperanto en Hamburg kaj Scientologio*. Multaj membroj deklaris, ke ili ne akceptas la agadon de Scientology-Church, sed neniu povis pruvi, ke tiu organizo, kiu laú la opinio de la plimulto ne estas religia sed komerca entrepreno, iel damaĝis al la Esperanto-movado. Malgraú la fakto, ke du el niaj mebroj apartenas al Scientology, ili faras bonan laboron por Esperanto. **Ili estas laboremaj** - tio jam estas kaúzo por suspekti, ĉu ne? Niaj du membroj nomas sin mem "klientoj" de Scientology. Do ne misiuloj. Ne estas kontesteble, ke Scientology nepre volas gajni monon. Tamen ni ne forgesu, ke ni vivas en kapitalisma socio. Mia instruisto de Esperanto jam antaú dudek jaroj diris, ke Esperanto sukcesos, kiam eblos per Esperanto gajni monon. La tempo de *sanktaj ideoj* pasis. Ne plaĉas al ni Esperantistoj tia seniluziigo, tamen ni devas konstati, ke sanĝiĝis la cirkonstancoj.

Estas strange, ke sport-studioj, kie klientoj devas pagi multe, estas plenaj, dum sport-asocioj, kie membroj devas pagi malmulte, suferas je la manko de membroj. **Ŝajnas, ke nuntempe homoj pli ŝatas esti kliento de iu entrepreno, ol esti membro en iu asocio.** Esti membro signifas transpreni kolektivan senton kaj ioman respondecon. Ili krome devas rezigni pri individuismo. Male, kliento rajtas elekti kaj postuli ĉion. Ĉiaj asocioj, ĉu kulturaj, politikaj aú aliaj, plendas pri malkreskantaj membro-nombroj.

**Do ne estas *problemo de Esperanto*, sed ĝenerala.** Laú la nuna emo de homoj esti individuaj, ni devas reagi en niaj kluboj. En Esperantujo oni akceptis dum la pasintaj jardekoj la ĉeeston de komunistoj el diversaj landoj, kvankam iliaj ŝtatoj tute ne konformis al la ideoj de Esperanto; **"estu toleremaj"** oni diris.

**Tio validas ankaú hodiaú, ĉar temas pri homoj.** Bonvolu ne forgesi nian okcident-Eúropan juran sistemon: Homo akuzita estas tiom longe senkulpa ĝis oni povas pruvi kulpon.

**Ĝeneraligoj estas malĝustaj kaj danĝeraj!** Malgraú ĉia toleremo mi estas kontraúulo de Scientology kaj mi ne volas akcepti ĝiajn ideojn aú la agojn de iuj el ĝiaj membroj, kiuj gvidas kvazaú militon por atingi siajn celojn.

*Benno Klehr*

# 'n beten wat op Platt

Dit Johr is ook all wedder to Enn, un bannig veel op Platt hebbt wi liekers nich had. Wokeen schall dat moken? Ik bün ook bloots een Quiddje un heb al noog met de anner Schiet in Klub te daun, wat so'n Försitter alens op Reeg kreegen mutt. As dat bloots de normale Klubkraam is, deih ik dat ook giern - ober denn gifft dat mol dor un mol dor Stried un Leed, un de Förstand sit dor mittenmang. As in'n Kinnergoorn kan sik een dor feulen. He stried me er, se met em, un denn sweegt se tohoop "op Esperanto". Förwat bruukt wi een internaschonale Spraak, tidens de Lüüd sik nich verdregen wullt? ... Wat schall dat Gesabbel von Fründschap un Verstaan, as dat in uns Klub ook nich geiht? Jedereen pack sik an sien eegen Nees un frögg sick, wat he moken kunt!

# Germanio

Por Zamenhof la **minuskla** vorto germanio kompreneble ne estis la nomo de nia lando, sed la kemia elemento. Laú Zamenhof la lando nomiĝas Germanujo. Tamen oni nun kutimas uzi la formon Germanio por la lando, sed oni vidas la diferencon je majuskla kaj minuskla skribmaniero.

Benno Klehr

# Atentu!

La poŝto ne bojkotas nin. Do sendu al mi **vian** artikolon. *Esperanto Hamburg* publikigos-kaj eĉ tradukos - ĝin. **Do, skribu!**

# Nia terura enigmo



**Horizontale:**

**1** En dika sup', ĝi dikiĝas vin! **5** Dependas de la vestaĵo de monaĥo. **10** Ĉe valoro pagenda imposte. **14** Tiu bird' povas atendi. **15** Ne ŝejko sed la alia. **17** Disĉiplo, adoranto, membro - ĝenerale. **18** Kun ĉevalaj haroj por fari muzikon. **20** Hinda manĝaĵo en ĝi estas trempata. **25** Forgesante vi ne povas tion. **26** Fama ponto de Antonio da Ponte. **28** Ne Esperanta, sed internacia mallongigo antaŭ atom', azio, kaj vizio. **29** Ekzemple muĝi aŭ heni. **30** Jen kaj tiuoke. **31** Komence de elektrotekniko, simple eksteren. **32** Sur aŭtoj el Ateno aŭ Granado. **33** Por tio G.E.A. elspezas multe - ni kopias. **35** Inter Saturno kaj Neptuno. **36** Fundamente ĝis revido. **38** Nombro de kristana Dio. **39** Konservante manĝaĵon kiel 39 vertikale ĝi restos tia. **42** Iri kiel la liberala grafo. **45** Kliniko por maŝinoj. **46** La plej grava persono. **47** Ne nepre la malo de poligamio. **48** Posten' aŭ io tia, eble ŝtata. **49** Krusto de krustulo. **51** De ia kvanto, jes ruse. **53** Ĉefo en Venecio. **54** Fetori, sed pli agrabla. **55** Pilopilopilopilo! **X** La kvar kestetoj kun "X" nomas mez-eŭropan riveron.

**Vertikale:**

**1** Pli ol tia ĉe Molière. **2** Per tia son' la popolo ekis kontraŭ Moseo. **3** Ĝisfine preni per ujo el ujo. **4** Loto sen nuloj. **5** April' ne estas plu, do vokas ĝi. **6** Tiu grup' troviĝas en maro. **7** Frukto ekster la kerno. **8** Universale pli ol io. **9** Senfina valoraĵo en ŝtataj trezoroj. **10** Por Germanoj la plej malfacila prepozicio. **11** Malsilente. **12** Vertikale 9 estas vendata en tiu kvanto. **13** Itale G. **16** Ĉe Grenviĉo ĝi estas nula. **19** Tiel nomata kafo kun lakto en Hispanio. **21** Laŭleĝe kaptita. **22** Ĉu fazeoloj aŭ farboj - ĝi ne manku! **23** Loko por ŝanĝi de interno al ekstero. **24** Fine ĝi gardas teksaĵon. **27** Lingvo post kaj malantaŭ Esperanto. **31** Perdi sian sendependecon pro alia persono. **34** Ĉu okcidenta promontoro de Azio? **37** Cervo, iom simila al alko. **39** Tia estu gardujo en kuirejo. **40** Jen profesi' de mi en taxi'. **41** Unu post la alia. **42** En letero ĝi akompanas la daton. **43** Laŭ Zamenhof leĝo malaperas, ĝi daŭras. **44** Tia ankaŭ estis la bela Helena. **50** Tion Adam diris al Eva. **52** Ĝi estas la mallonga esprimo por komputora procesoro 80286 **53** Anstataŭo de genitivo.

**Klarigo:** *Nia terura enigmo* ne estas laŭ la kutima maniero. La priskriboj foje estas misgvidaj, kaj foje necesigas strangajn asociadojn. Kutime la finaĵo de la solvo evidentiĝas el la priskribo.

# Nia programo 5/91

Klubejo malfermita ĵaŭde ekde 19:00 h.
Programo ekde 20:00 h.
La Studrondo renkontiĝas sabate en semajnoj kun para numero je 14:00 h.

Klubhaus donnerstags ab 19:00 h geöffnet.
Programm ab 20:00 h.
Die Studrondo trifft sich sonnabends in jeder geraden Kalenderwoche um 14:00 h.

## Decembro

5 Fermita pro sabata festo

7 **Zamenhof-Festo**
20.00 h
Bonvolu anonciĝi ĉe Elsbeth Wielgus

***En decembro ne okazos pliaj klub-kunvenoj!***

## Januaro

9 *Werner Bormann:* **Prelego pri interesa temo**

11 *Studrondo*

16 *Elsbeth Bormann:* **Reykjavik**

23 *H. Brunow / B. Mohrig:* **Pirata veturo laŭ la marbordo de Dalmatio** (Diapozitivoj)

25 *Studrondo*

30 **Lingvaj ludoj**

## Solvo de la pasinta enigmo

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| K | A | R | A | M | E | L | O |
| O | R | I | G | A | N | O | R |
| L | O | G | A | J | U | Ĝ | O |
| O | M | A | R | O | S | E | P |
| N | O | R | A | F | O | J | E |
| I | N | D | G | A | J | E | C |
| R | I | P | A | G | A | S | E |
| A | F | E | R | O | Ĵ | E | T |
| D | O | R | O | T | E | O | O |

## Historiaj datoj

**1432:** La Hamburga Senato subtenas lernejojn, kie civitanoj povas lerni legi kaj skribi.

**1621:** Urbestro Vincent Möller mortas post diboĉado kun Duko Frederiko de Palatinato.

**1792:** Apud la Alster-lago ekzistas publika naĝejo, la unua en Germanio.

**1792:** En Hamburga gazeto aperas la unua geedziĝa anonceto.

**1861:** La unua petrolo kaj lampoj el Ameriko alvenas en la haveno de Hamburg.

# Anoncetoj

## Publika letero



foto: Hella Lanka

*Karaj geamikoj!*
Okaze de la datreveno de mia naskiĝtago la 6an de Oktobro 1991 mi ricevis tiom da salutoj, florbukedoj, telefonalvokoj kaj tiom da vizitoj, ke mi per tiu ĉi vojo elkore dankas al vi ĉiuj. Mi ne povas skribe respondi.
Mi estis dum kvin monatoj en malsanulejo kaŭze de mia apopleksio kaj paralizita dekstra brako. Mi povas telefoni, sed ne skribi al vi.
Mi gratulas pro la belaspektaj dukoloraj informiloj, kiuj lerte kaj sperte estas fabrikitaj de la redaktoro kaj ties teamo. Mi sendis 12 HES-informilojn al la radio-stacioj kaj al la eksterlandaj geamikoj, kiuj jam sendis laŭdan eĥon al mi.

*Estu kore salutataj de via*

Hans Schütt

**Hans Schütt**
**Altenheim Adalbert**
**Warnemünder Weg 19**
**W-2000 Hamburg 73**

# Opinio

## Sameco

Paco, frateco, sameco estas nocioj en bonstata socio, kiuj povas perdi siajn verajn sencojn.

Humaneco kaj kompreno perdiĝas en la batalo por la propra ekzisto. Rezigno pelas la homojn en izolon kaj amaron. Dum jaroj ankaŭ al mi la valoro de la nocio sameco ne estis klara. La okazoj en la mondo kaj en mia proksimeco antaŭ nelonge devigis min, pripensi kaj fine alfronti la situacion.

Kion signifas esti sama? Ĉu Kristano estas pli sama ol Islamano? Ĉu blankulo pli valoras ol kolorulo? Kiu decidas? Kiu juĝas?

Tro facile oni kondamnas. Speciale io nekonata estas danĝero. Minoritatoj devas adaptiĝi. Kial? "Knabino, ankaŭ arbo sangas!" Tiel mia patrino transdonis al mi sian vivo-sperton. Mi naskiĝis en la marĉa regiono de la rivero Odro kaj kreskis en la tiama GDR.





Dio diras: "Ĉiuj homoj estas samaj!" La komunismo postulas la saman.

Kiel infanoj mi bone povis kombini unu kun la alia. Poste ne plu ekzistis alternativo. Ĉiuj imagoj pri valoro miksiĝis. Plenkreskinte mi perdis la idealojn. La vivo daŭriĝis kun bonaj kaj malbonaj tempoj. Subite la vorto sameco ricevis sencon por mi: Mi ekhavis kontakton al Esperanto kaj Zamenhof. Malrapide iom post iom revekiĝis io en mi. Sub kovraĵo de seniluziigoj, antaŭjuĝoj, humiligoj kaj ofendoj io ekburĝonis. La streĉo de la ĉiutaga vivo denove kovris ĉion, sed la homoj ĉirkaŭ mi, speciale Esperantistoj, denove donis kuraĝon kaj esperon. Tiel mi fariĝis pli libera kaj pli forta.

Estas malfacila procedo, rekoni kaj kompreni, ke la homo, kiu staras apud mi, volas esti akceptata kaj ne taksata laŭ sia raso, sia ŝtataneco aŭ eĉ laŭ sia kredo - sed laŭ sia stato kiel homo. Same kiel mi! Ĉiam estos homoj, kiujn mi ne ŝatas aŭ kiuj min ne ŝatas. Sed ni povos reciproke estimi kaj respekti nin.

La vorton *malamo* ni devus forigi el nia vortaro. Ni havu komprenemon kaj konfidon al la alia. Neniam avido kaj malkonfido influu aŭ eĉ stiru nian agadon. Ni nur damaĝas nin mem. Malfacila plano, sed efektivigebla! La mondo pli proksimiĝos kaj ni havas la internacian lingvon. Malgraŭ la tuta optimismo mi scias, ke ankaŭ estonte ekzistos Esperanto-parolantoj kaj Esperantistoj.

**Sed Zamenhof diris: "Laboru kaj esperu!"**

*Hannlore Brunow*

# STUDRONDO

Kiu ripetas abunde,
lernas plej funde!



**La sukcesaj kandidatoj de la ekzameno pri lingva kapableco kun siaj geekzamenintoj.**

Foto: Westphal

## Sukcesaj ekzamenoj

Je la 5a de Oktobro 1991 la studrondo unuan fojon festis. El bona kaŭzo: 4 studrondanoj trapasis la ekzamenon pri lingva kapableco. Hella Lanka alportis niajn atestojn, kiuj estis transdonitaj de d-ro Werner Bormann. En harmonia etoso ĉiuj babilis, ŝercis kaj ridis. Mi konstatis, ke dum ĉi-tiu posttagmezo en la societema rondo unu al la alia persone proksimiĝis. Novaj ideoj de kunlaboro minifestiĝis.

## Peto pri Proponoj

Ĉiun duan sabaton la studrondo kunvenas en la klubejo. Kelkaj el ni ŝatus resti dum la tempo de "pli longa vespero" tie. **Kial vi ne sidas kune kun ni kaj trikas, brodas, ludas, kantas aŭ ŝakludas ktp.?** La eblecoj estas multspecaj. Al ni havas grandan signifon paroli Esperanton. Nia klubdomo estas belega. Kial ni ne uzu ĝin? Ĉiu povas partopreni laŭ sia povo. **Pripensu tion!**

Felietono

STUDRONDO

# La Solena Kristnask-Ansero

Al la kutima kristnaskfesto en la bona malnova tempo ne nur apartenas la lumbrilanta kristnaskarbo kaj la multkolora telero kun ruĝvangaj pomoj, oranĝoj kaj nuksoj - sed ankaŭ la rostita ansero. Kiam mi estis en Ĉinio, en Ŝanhajo, min kaptis la nostalgio, sed ankaŭ kaptis min la ambicio, festi kristnaskon sufiĉe konvene, per ĉiuj apartenaĵoj, do ankaŭ per ansero. Ĉu vi opinias ke anseroj ekzistas en la tuta mondo? - Certe! Nur estas la demando, **kiaj**. En Ĉinio ekzemple tiuj povraj bestoj pene sin nutras per tio, kion ili mem trovas. Neniu zorgas pri ili, kaj ilia vivbatalo pro tio estas malfacila. Nur la plej fortaj postvivas. Tion precipe oni rimarkas, kiam ili venas sur la tablon. Sed mi - vidu ambicion - estis decidinta, havi ĝustan krakantan kristnask-anseron. Pro tio do, ĉirkaŭ du monatojn antaŭ kristnakso, mi venigias al mi la ĉinan kuiriston, la grandan sinjoron de kuirejo, kaj mi diris al li, ke li aĉetu ses junajn anseretojn. Intertempe venis al mi la ideo, ke mi povus doni al miaj amikoj vere ne ion pli bonan ol ĝuste grasigitan anseron. Kutime la Eúropanoj donacis al si reciproke ĉampanon aú ladskatalon da kaviaro - sed hejme grasigita ansero estis io alia, vera raraĵo! Kaj antaú ĉio multe pli malmultekosta - opiniis mi!

La ses malgrandaj malgrasaj bestetoj, kiujn la kuiristo alportis, efektive kostis nur kelkajn arĝent-dolarojn. Mi ĝojis, ke mi estis tiom ŝparema kaj ideriĉa persono. Mi nur forgesis etan malgrandaĵon: La domo en kiu mi vivis, vere havis ĉian komforton - sed pri anserstalo la arĥitekto ne estis pensinta. Tiun mankon oni ja povis forigi. Oni venigis metiiston, kiu konstruis en la ĝardeno aerplenan stalon el bambustangoj. La anseretoj sentis sin tie tuj bone. Mi sentis min ne tiom bone, kiam oni prezentis al mi la fakturon por la *bambua palaco*. Nu, ne gravas, la kostoj estis same altaj kiel por ses boteloj da ĉampano. Oni ne estu pedanta, kaj krom tio: ansero restas ansero. Nun, post kiam la bestoj havis propran loĝejon, aperis la kuiristo kaj demandis: "Kiu nutru ilin?" Ĉiu servisto en Ĉinio havas sian specialan laboron kaj rifuzas plenumi taskon, kiu ne apartenas al lia laboro. La kuiristo kuiras, la domkulio ordigas la ĉambrojn, la fornkulio prizorgas la hejtadon kaj la ĝardenkulio prilaboras la ĝardenon. Anseroj ĝis nun ekzistis en la domo. Do, ne ekzistis anserkulio. Ĉe grandaj planoj oni ne rajtas fortimigi sin per malgrandaj obstakloj. Kompreneble la anseroj ricevis propran kulion, kiu zorgis pri ilia bonfarto. Ili bone kreskis, kaj mi jam komencis trafoliuli kuirlibrojn pro la preparo de anserhepat-pasteĉo. Jen venis la kuiristo kaj anoncis: "Ni bezonas nokgardiston, la anseroj tro dikiĝis." Mi ne tuj povis kompreni la rilaton inter la dikiĝo de la anseroj kaj la noktgardisto, sed la granda sinjoro de la kuirejo klarigis al mi: "Dum kiam anseroj

***Daúrigo sur paĝo 12***

*Daŭrigo de paĝo 11*

estas malgrasaj, neniu volas havi ilin, sed grasan anseron ĉiu ŝtelas." Estus estinta sensencaĵo, fiksi seruron al flekseblaj bambustangoj. Do, efektive necesis noktgardisto. Li estis variolcikatra junulo kaj nomiĝis Wong. Mi ne scias, ĉu li nokte maldormis - sed, se jes, certe ne en mia ĝardeno, ĉar iun matenon tri anseroj estis for. Tio estis bato! La opinio, ke Wong mem ŝtelis la anserojn, venis al mi nur, kiam ankaŭ la kvara ansero estis malaperinta. Sur la kristnaska folio, sur kiu mi estis notinta la planitajn donacojn por miaj amikoj, mi forstrekis post kvar nomoj la vorton **ansero** kaj anstataŭigis ĝin sufiĉe deprimita per la vorto **ĉampano**. Tamen restis al mi ankoraŭ du anseroj, unu por mi kaj unu por mia kuracistino, al kiu mi ŝuldas multan dankon.

La nova noktgardisto estis honorinda ĉifonita grizulo, kaj ne estis lia kulpo, ke ĝuste antaŭ kristnasko la kvina ansero estis morde mortigita de vaganta hundo. Sed kompense al tio la restanta ansero estis pompa ekzemplero. Mi devas konfesi, ke mi longe pripensis, ĉu mi retenu la anseron por mi mem, aŭ ĉu **doni** vere estas pli feliĉiga ol preni?

Matene la 24an de Decembro mi diris al la kuiristo, ke li preparu la anseron, ĉar mi volis ĝin porti posttagmeze al mia kuracistino. Kiam posttagmeze alveturis kvin rikiŝoj, ĉiuj ornamitaj per floroj, ruĝaj rubandoj kaj orpapero, mi tute ne estis surprizita. Mi pensis, ke la ĉina komercisto, loĝante kontraŭe de nia domo, havas familian feston, ĉar skarlate ruĝa kaj ora estas feliĉigaj koloroj, kiun oni uzas ĉe naskiĝtagoj, edziĝoj kaj alia grandaj eventoj.

Mi eraris. La kvin ornamitaj rikiŝoj estis destinitaj por la ansero - por la ansero kaj ĝia eskorto. Kiam mi diris al la kuiristo, ke li preparu la anseron, mi supozis, ke li buĉus ĝin, senplumigus kaj transdonus ĝin al mi taŭge enpakita. Sed la kuiristo sciis, kion li ŝuldis al la reputacio de la ansero - la sola postvivanto de ses fratinoj - kaj al la honoro de la domo ĝenerale. La ansero, kiun oni prezentis al mi, estis ekstreme vigla. Ĝi estis blanka kiel cigno, ĉar la kuiristo estis baninta ĝin, poste striglinta ĝin kaj pudrinta ĝin per blanka talkpudro. Ĝi aspektis kvazaŭ veninta el kosmetika salono. Ĉirkaŭ la kolo ĝi portis - tre kontraŭ sia volo - grandan feliĉigan arde ruĝan banton. Ankaŭ sur la pedioj ĝi havis kokardojn el ruĝa silko. La povra ansero kriis kaj flugilbatis tute freneze, sed la kuiristo radiis pro fiero: "Ĉu ĝi plaĉas al vi?", li demandis. Ni eliris al la strato, kie jam kolektiĝis aro de atendemaj rigardantoj. Verŝajne ili opiniis, ke ĉina fianĉino enirus la rikiŝon. Anstataŭe ili vidis anseron kun ruĝaj bantoj. Malgraŭ tio la entuziasmo estis granda. Ĉiam pli multaj infanoj, almozuloj kaj nenionfarantoj sekvis nin, kiam ni en solena procesio, unu rikiŝo post la alia, veturis al la domo de mia kuracistino. Unue la kuiristo, malgraŭ vento kaj malvarmo kun pentrita ventumilo en la mano, por ke la homoj sur la strato povu vidi, ke li estis altranga sinjoro. Poste mi, kaj malantaŭ mi, la rikiŝo kun la kuireja kulio, kiu tenis firme la flugilbatantan ornamitan anseron. Post tiu la du kulio de la ansero, la anserkulio kaj la noktgardisto.

La finon faris la ĝardenkulio, ĉar fine la ansero vivis sur lia tereno. Tiamaniere mi veturis tra la miranta homamaso.

Estis ankaŭ por Ŝanhajo iom nekutima evento. Mia historio preskaŭ estas finita. Nur aldoni mi devas, ke mia kuracistino, al kiu mi donacis la plej grasan anseron de Ĉinio, estis konvinkita vegetaranino. Sed tion mi nur ekciis kelkajn semajnojn poste.

*Laŭ rakonto el la kolonia tempo*
*tradukita de Ellen Eggers*